# Kajeroj el la Sudo



BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)

Sidejo: Strato Sol, 75. E-41003 SEVILLA. (Hispanio).
Prezidanto: Manuel López Hernández
Sekretario: Francisco A. Antúnez Romero

Kasisto: Alberto Franco Ramirez
C/ Sol, 83-85
41003-SEVILLA. Hispanio.

Redaktoroj de la bulteno:

Antonio Marco Botella
Av.Compromiso de Caspe, 27/29.- 9ª. C.
50002-ZARAGOZA. (Hispanio).
***
Miguel Fernández Martín
C/Santa Genoveva, 58.-6º.C.
28017-MADRID. (Hispanio).

Kovrilo: La Laguna, urbo kie okazos la Ĝenerala Asembleo de HALE en Julio 1991.

Enhavo:



NOTO:Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aútoroj mem.



# BALADO PRI MAHDI/PETRO

Ĉe la sojlo de nova jaro, dum milionoj da personoj sin pretigas ankoraŭfoje gurdi kristnaskkantojn, kies tekstoj parolas pri pacnoktoj kaj amnoktoj, ankoraŭfoje ripeti la vakuan ritaron de la bondeziroj kaj la maskeradon de la amikeco kun kerubaj ridetoj sur la lipoj, ankoraŭfoje afekti feliĉon kaj kontenton malgraŭ ĉio, tia glavo de Damoklo, la milito, pendas multe pli proksima super niaj kapoj, tia inkuba bestio skuas la radikojn de ĉiuj homoj kun minimumo da homeco. Sed, kion fari kontraŭ la ĝeneralaj ambicio, absurdo kaj frenezo?

Konsternita kaj senpotenca, jen mi prenas la unusolan armon pravigeblan, la krajonon, kaj kiel beletramanto kraĉas mian indignon, tamtamas verojn kaj kaŝajn kaj palpeblajn pere de la sekva fikcio. Bele, se ĝi nur ĥimerus, kaj la Milito ĉe la Persa Golfo neniam havus lokon.

*Vulturoj...*
*Vulturoj ĉirkaŭflugas. Blekoj, vento kaj silento. Luna silento sekvas la stridojn de la birdoj kaj la mistonan kanton de samumo verde flava kiel galo. Kiel atendo senutila. Kiel eterna koŝmaro...*

*Oazo fonas, foras. El ĝi nur scintiloj blankaj-bluaj. Du okuloj disapertaj, vitrecaj, rigardas iudirekte. Aŭ ĉien. Kiu povus scii? Vi, Mahdi/Petro, plena muto, gape, la bruston inundita de ruĝo, la mienon misformita de doloro, teruro aŭ surprizo. Sola... Sed ne sola. En akompano de dissemitaj mutoj kiel vi.*

*Kunuloj kaj kontraŭuloj dise, pelmele, returne fuĝis -la paniko- post la apokalipsa spektaklo. La batalo: misiloj -ĉu ne mis-iloj?- kaj skualoj da veneno; surdigaj sibloj, ululoj kaj eksplodoj; mil ĉielarkoj intermiksaj; konfuzo: tute ne eblis distingi la proprajn tankojn, aviadilojn kaj helikopterojn disde la malamikaj pro la simpla fakto, ke ili sammarkas, samdevenas -Okcidento...Kaj la morto. Via morto, (1) Mahdi/Petro, pro porkaj interesoj al vi fremdaj.*

*Identaj bataliloj. Nur se temas pri mono, la armoproduktaj landoj senskrupulas pri la koloroj de la flagoj,*

*la haûtoj kaj la ŝvitoj.La gigantoj vendas mortigilojn kontraû nafto. La gigantoj lu[illegible] ŝakon per la nanoj. La gigantoj bombastas pri etiko, dum ili difinas la mavulojn de ĉiu epoko laû ekskluzive ekonomiaj kriterioj. Nur nun, invadinte Kuvajtion, Sadam oficiale satanas. Kiam kelkaj homamaj organizoj denuncis la genocidon de la kurdoj far tiu kanajlo, kie la kondamno kaj bojkoto de la nun kondamnema kaj bojkotema UNo? Kie la reago de la internacia komunumo nun servile subiĝanta al la volo de Usono? Sed kion nun Usono celas? Ĉu ne kontroli la araban nafton pere de siaj vicreĝlandoj -Emirlandoj- en la Persa Golfo kaj tial ne permesas aliajn usonumi en ili? Kiam en 1980 Irako agresis Iranon, kie la voĉo de la nun ĉielklama Eûropo? Aliflanke, ĉu eble la konceptoj agresanto kaj agresato ŝanĝiĝas kun la tempo? Sendube jes, se juĝi laû la faktoj: oni tiam plej rigore efektivigis la militan blokadon de la agresito, Usono sendis siajn trupojn al la Golfo (kia ironio de la lingvoj! hispane "golfo" signifas ankaû "fripono") por trudi batalhalton malfavoran al la lando de Jomejni, la tiama oficiala mavulo, la danĝero, cetere, vera enkorpiĝo de inkvizicia fanatikeco. Ok jarojn da sango, da leĝaj murdado kaj teroro: la milito. Multaj milionoj da dolaroj por la fabrikantoj de armiloj kaj unu miliono da mortintoj -kia honto!, kia naûzo!-, sur kies memoron la ŝtatestroj de Irako kaj Irano plej frivole, nur pro la al ili plej konvena politika strategio en la nunaj cirkonstancoj, ĵus fekis farante pacon surbaze de reveno al la deirpunkto. Tiaj la regantoj taksas la vivojn de siaj povraj regatoj. Kia senpotenco! Kia paroksismo de kolero!*

*Jen, vidu, Mahdi/Petro, al kio servas la sinoferemo de la mistifikitaj patriotoj.Vidu la destinon de tiel stultaj mortoj kiel via...Sed vi plu ne povas vidi, malgraû viaj larĝe malfermitaj okuloj, ĉar vi kuŝas por eterne. Vi jam estas nur nomo inter funebraj, pompaj, falsaj, kliŝaj frazoj farĉitaj per "kuraĝo", "honoro", "alta gloro"... Vi jam estas kelkaj larmoj sur la vangoj de viaj parencoj kaj kompanoj, ia nebula rememoro, ia foresto, ia frustracio...*

*Eble kun la koro en ardo, eble kun tia nobla timego, kia kunpremas la animon kaj frostigas la spiraĵon de la poetoj kaj partianoj de la vivo, vi, Mahdi/Petro, demetis vian plenan junecon en Bagdado/Vaŝingtono aû Moskvo aû Londono aû Parizo aû Romo aû Madrido aû...kaj transvestis vin en*



*soldaton pretan al sankta milito/defendo de la homaj rajtoj. Dupe. Ĉar "milito" kaj "sankta" reciproke sin repelas: nur paco povas sankti/Blinde. Ĉar pri kiaj rajtoj temas? Ĉu ja pri la rajtoj de la submetitoj al la pulĉinelaj, putraj kaj nepotismaj plutokratioj Kuvajtia kaj Saudi-Arabia, aŭ pri la rajtoj de iliaj ŝejkoj, reĝoj kaj regantoj iĝi ĉiam pli kaj pli riĉaj? Pri kelkaj faktoj vin oni certe ne informis,ĉu ne vere?*

*Ne. Nenia sankta idealo. Nenia spirita valoro. Nur la nafto.*

*La senfina tragedio en Libano: la interveno de Sirio kaj Izraelio, la interreligiaj amasbuĉadoj, la sistema bombado de Bejruto far la armeo de Begin ne tuŝas la konsciencon de la nacioj, ne vokas niajn etikajn registarojn, sentinelojn de la internacia juro, meti finon al tia hekatombo.*

*Kaj kio pri la Palestina problemo? Dum Izraelio fajfas pri ĉiuj rezolucioj de UNO rilataj al la okupitaj teritorioj, dum Izraelio aneksis la Eastan parton de Jerusalemo,dum Ŝamir kun azena obstino ne agnoskas la aŭtoritaton de PLO (Palestina Liberig-Organizo) kaj rifuzas veni en akordon pri la ekzisto de du ŝtatoj en la eksbrita Palestino, la Palestina popolo suferas konstantan senon je la plej fundamentaj homaj rajtoj sub la plandoj de la idoj de Izraelo.Kaj malgraŭe, Mahdi/Petro, neniu el la registaroj nun tegitaj per sublimaj argumentoj juraj kaj moralaj por komenci la Militon ĉe la Persa Golfo sendis iam siajn trupojn depostuli la rajton de la Palestina popolo. Do, nur la nafto, Mahdi/Petro. Nur pro nafto via morto.*

*Unuarangaj kaj ne tiel gravaj aŭ tute sensignifaj naftuloj. Jen la du kategorioj, en kiujn la Konsilio de Sekureco de UNo ŝajnas dividi la homajn estojn por apliki sian duoblan moralon: homoj, kies rajtojn ne eblas lezi sen perturbi la mondan pacon, kaj homoj senpune murdeblaj -kurdoj, irananoj, libananoj, aŭ palestinanoj-.*

*Vulturoj ĉirkaŭflugas...*

*Ne tro diste, arganoj kaj drilegoj ĉe petrol-putoj. Sube, kampo de kadavroj. Kaj viaj okuloj, Mahdi/Petro, preskaŭ*

*eksterkavaj. Kion mi ne donus por diveni la lastan konturon ĉe viaj retinoj, la lastan konsideron en via konscio?! Verŝajne en la klarvida lasta sekundo de la agonio, spertinte vian tutan vivon kvazaŭ filmon -laŭdire- vi komprenis la absurdon de via pereo ĉe tiu damna milito sen bonuloj. Domaĝe, ke vi ne povas krii vian veron.Sed eble via muta mesaĝo, la bildo de via korpo kuŝanta sur dezerto, trafos la koron kaj la menson de multaj bravaj knaboj kiel vi.*

*Militpaŭzo. De sur palme svelta minareto muezino alvokas al preĝado. Koloraturo. Ne tro fore, pacnoktoj kaj amnoktoj interplekte. Kristnasko en la kristanaj tranĉeoj. Imamoj kaj pastroj benas la gvidantojn de la sankta kaj justopostula milito ĉe la Persa Golfo, respektive. "Sankta" apud "Milito"!. "Amo kaj paco" apud "milito"!. "Justopostula" apud Milito ĉe la Persa Golfo"! Dume vi, Mahdi/Petro, kuŝas gela. Kaj la ĉielo ne falas sur la Teron pro la atencoj kontraŭ la racio kaj la etiko. Kaj la terglobo ne krakas de honto. Ĝi giras plu kaj plu kaj plu...*

*La Redakcio.*

*****   *****   *****

(1)Mahdi: nomo el araba deveno signifanta "la bone direktita". Ĉe Islamo, membro de la Mahometa familio, kiu, je la fino de la Tempo venos por restarigi la fidon kaj justecon koruptitajn. N. de la R.

*****   *****   *****

# Administra angulo

Ni atentigas niajn eksterlandajn abonantojn kiuj ankoraŭ ne pagis la kotizon 1990, ke ni ne plu sendos al ili nian revuon "Kajeroj", se ili ne pagas tiun abonon dum la unuaj tri monatoj de 1991 aŭ antaŭavertas nin pri eventuala prokrasto. La jarkotizo ankoraŭ estas 800 Ptoj. HALE sendos nian revuon,senpage, kiel ĝis nun, al nepagipovaj gek-doj en la orienteŭropaj, afrikaj kaj sudamerikaj landoj.

La jarkotizoj por hispanaj SAT-anoj aplikendaj dum 1991 estas:

| | | |
|---|---|---|
| Plena jarkotizo. . . . . . . . | 2.200,- | Ptojn |
| Emeritoj . . . . . . . . . . | 1.650,- | " |
| Familiano,junulo, senlaborulo | 1.100,- | " |
| Nur "Sennaciulo" . . . . . . | 1.750,- | " |
| "Sennacieca Revuo" . . . . . | 450,- | "...HALE-kotizo por SAT-membroj kun la |
| revuo "Kajeroj",minimume . . | 500,- | "...Monsendoj:R.Manau Torres;Montseny,5 |

SABADELL (BARCELONA).Hispanio.




# 1ª LIRIKA FESTO DE HEF

Hispana Esperanto-Federacio invitas la e-istaron al la internacia omaĝo al Prof. Juan Régulo Pérez kaj ĉiujn kompetentajn E-poetojn kontribui per plej altkvalitaj verkoj al pleja brilo de la tiucele konceptita 1ª LIRIKA FESTO DE HEF, kadre de la 51a HEF-kongreso, okazonta en La Laguna (Tenerife. Kanariaj Insuloj) de la 14a ĝis la 19a de Julio 1991.

La 1ª LIRIKA FESTO DE HEF disvolviĝos laú la jenaj gvidpunktoj:

1ª) La kernon de la festo-omaĝo konsistigos libertemaj originalaj aú esperantigitaj poemoj kaj poeziaj prozaĵoj, kun aú sen komentoj, kaj eseoj, studaĵoj, monografiaj temoj k.s. pri E-aj aú naciaj poetiko, poetoj kaj poemoj, ĉiuokaze kun internaciaj kaj plej altaj valoro kaj intereso.

2ª) Plie, surbaze de muzikigitaj poemoj, oni muntos lirikan-muzikan spektaklon.

3ª) Ĉian kontribuaĵon oni sendu al nia adreso ĝis la 30a de Aprilo 1991, sendepende de tio, ĉu la aŭtoro intencas ĝin interpreti mem aŭ lasi tian taskon al la membroj de nia koncerna skipo. (Oni precizigu ĉi cirkonstancon).

4ª) Rilate al muzikigitaj poemoj, oni kromsendu kasede registritaj la kantojn kun la voĉo(j) de la interpretonto(j) aŭ la partituron, se oni komisias la interpretadon al la membroj de nia koncerna skipo.

5ª) La definitiva akceptado de kontribuaĵoj efektiviĝos nur per aplikado de la plej rigoraj kriterioj de la E-a stilistiko.

6ª) Pri neakceptitaj verkoj ni donos nenian respondon.

7ª) Nia organiza teamo rigardas ĉi aranĝon en la perspektivo de sinergia strategio. Sekve, la verkoj elektitaj konstituos, krome, kaj estimindan materialon por la studkajeroj de la de HEF projektitaj preuniversitataj kursoj en E-o kaj la fundamenton de eventuale eldonotaj libro kaj kasedo de la 1ª LIRIKA FESTO DE HEF.

8ª) Tial, ke nia financa situacio neniel, bedaŭrinde, permesas al ni okupiĝi pri vetur-kaj restad-kostoj de la festontaj

poetoj, tiuj devos kovri tiajn elspezojn proprapoŝe.

9ª) Ĉeesto de la aŭtoroj, kvankam dezirata de ni, ne nepras.

10ª) Verkojn sendu al: Miguel Fernández Martin; Santa Genoveva, 58.-6º C. E-28017 MADRID. Hispanio.

***** ***** *****

# Deziras korespondi

Gelernantoj de 10a klaso el mezlernejo dez. kor. pri lernado, nuntempa vivo, muziko, sportoj, dancoj. Adreso: Esperanto-Klubo.- u. Nijnevartovsk, 6. Str. 60. let. Oktjabrja, 6-135 USSR-626440.

***** ***** *****

13-jara knabino dez.kor. kun ĉiuj landoj kaj interŝanĝi p.m., insignojn, kalendaretojn, k.a., ankaŭ ŝi interesiĝas pri muziko, sportoj kaj modo. Adreso: Ajŝe Aliŝeva Hasanova.- Str. Vasil Kolarov, 3.- 7989-Razdelci.Antonovo. k. Bulgario.

***** ***** *****

D-ro Donĉo Boradjiev; Str.Vazroj denska, 11.-V.TARNOVO-5000-Bulgario, dez. kor. pri ĉiuj temoj kun gehispanoj.

***** ***** *****

26-jara studento parolanta plurajn lingvojn deziras korespondi pri muziko, historio kaj literaturo. Adreso: Stanislaw Janiak.- ul. korfantego 46/3 49-100 NIEMODLIN. Pollando.

***** ***** *****

14/15-jaraj hungaraj gimnazianoj deziras korespondi pri ĉiuj temoj. Bonvolu skribi: Magyarország.- Daykagabor ut. 4.- 3525-MISKOLC. Hungario.

***** ***** *****

44-jara instruistino de la bulgara lingvo, deziras korespondi pri ĉiuj temoj. Bonvolu adresi viajn leterojn al S-ino. Dora Koseva; Str. "3 Mart", 8; 5000-V.TARNOVO. Bulgario.

***** ***** *****

40-jara bulgarino, instruistino de la germana kaj angla lingvoj, deziras korespondi pri temoj diversaj kun hispanoj. Adreso: S-ino. Stanka Ivanova; Str. Polbuhin, 33.- 5000-VELIKO TARNOVO. Bulgario.

***** ***** *****

# DEK HISPANDEVENAJ VORTOJ

*Tiu ĉi artikolo, pritraktanta dek neologismojn en Esperanto de hispanlingva deveno, estas mia tria suplemento al Nepivaj Vortoj, libro,kiun la kompilinto, André Cherpillod, priskribas jene: "Listo de 6800 vortoj ne troviĝantaj en la PIV el kiuj kelkaj povas esti utilaj". Efektive, la plejmulto de la vortoj kaj propraj nomoj registritaj en Nepivaj Vortoj ne estas tre utilaj, ĉar Cherpillod ne degnis aldoni difinojn kaj precizajn fontindikojn. Sekve, kontrolo ne estas ebla. Eĉ kiam klarigo akompanas kapvorton, oni ne ĉiam povas fidi la ĝustecon de la signifo. Ekzemple, la difino de la substantivo "arobo" (H. arroba) estas: "iama hispana monunito".Nun komparu la gloson de la sama vorto en la traduko de Don Quixote farita de Fernando de Diego: "malnova pezunuo. 1 arobo egalas 11,50 kilogramojn" (pĝ. 287). Evidenta misinformado en konsultlibro kiel tiu de Cherpillod ne estas tolerenda. Ĉi-sube mi ne nur listigas dek hispandevenajn vortojn, kiuj ne troviĝas en Nepivaj Vortoj, sed ankaŭ ilustras la uzon de ĉiu vorto per citaĵo el publikigita teksto, aldonas la fontindikojn kaj difinas la neologismojn per glosoj de la aŭtoroj.*



*1. BOT/O. H. bota.*
*"Sancho Panza rajdis kiel patriarko sur la azeno, kun sia dusako kaj sia boto"(pĝ.63). La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha (1977), tradukita de Fernando de Diego.*
*Gloso:"tipe hispana, manportebla fel-saketo por vino, el kie oni senpere trinkas.Gia formo iom similas la formon de la porpieda boto" (pĝ. 64).*

*2. CIMARON/O. H. cimarrón.*
*"La cimaronaroj, fortimigitaj el siaj makisaj kaŝejoj, diskuris ĉien kaj endanĝerigis la vivon de la savananoj..." (pĝ. 151). "Doña Bárbara" (1975), tradukita de Fernando de Diego.*
*Gloso: "resovaĝiĝinta bruto (ĉefe ĉevalo)" (pĝ 259).*

*3. DOBL/O. H. dobla.*
*"Enestas pli ol cent dobloj" (pĝ. 75).*

*"Don Juan' Tenorio" (1981), tradukita de Luiso Mimó Espinalt.*
*Gloso: "malnova hispana monero, kies valoro estis proksimume dek pesetoj" (pĝ. 75).*

*4. GRING/O. H. gringo.*
*"Estis tie ankaŭ gringo/kun orgen' kaj in-simio," (pĝ. 40).*
*"Martin Fierro" (1965), tradukita de Ernesto Sonnenfeld.*
*Gloso: "iom moka esprimo por eksterlando" (pĝ. 40). Komparu la gloson de Fernando de Diego en "Viveroj" (1963):"alnomo al fremduloj loĝantaj en Hispan-Ameriko, ĉefe aplikata al usonanoj" (pĝ. 40).*

*5. OLA-PODRID/O. H. olla podrida.*
*"Estus bone se la butlero alportus al mi la tiel nomatan ola-podridon (ju pli ĝi p[illegible], des pli ĝi bongustas)"(pĝ. 666).*
*"La inĝenia hidalgo Don Quijote de La Mancha"(1977),tradukita de Fernando de Diego.*
*Gloso: "laŭlitere "putranta poto". Tiel nomiĝas la poto en kiu oni kuiras samtempe multe da diversaj kaj bongustaj nutraĵoj" (pĝ. 671).*

*6. OMBU/O. H. ombú.*
*"Sub la giganta ombuo,/pampogardisto majesta/inter kies branĉoj nestas /turtaro kaj kakatuoj," (pĝ. 38).*
*"Santos Vega" (1977), tradukita de Horacio Re.*
*Gloso: "sudamerika arbo kun spongeca aŭ pufa ligno, dikega trunko, kaj tre densa folibranĉaro"(pĝ. 7). Komparu la gloson de Ernesto Sonnenfeld en "Martin Fierro" (1965):"karakteriza arbo de la pampo. Ĝi aspektas kiel giganta brasiko" (pĝ.165), kaj tiun de Enio Hugo Garrote en "Argentina Novelaro" (1980): "giganta herbo kun spongeca trunko, misnomita "arbo" pro sia branĉaro, sed kiu malhavas la ĉefan kondiĉon por tio:lignecan trunkon" (pĝ. 35).*

*7. PESK/I. H. pescar.*
*"...tiu ĉi brilo/de l' akvo, kiun trafendas/la barko de la peskisto," (pĝ. 110).*
*"Don Juan' Tenorio" (1981),tradukita de Luiso Mimó Espinalt.*
*Gloso: "Peski", neologismo por "ĉasi fiŝojn aŭ aliajn akvajn estaĵojn" (pĝ. 110).*

*8. TAIF/O aŭ TAJF/O. H. taifa.*
*"Ĝi estas la plej grava urbo de la regiono ĝis la kaliflanda disigo, kaj ekde tiam la precipa urbo de la "taifoj" de Murcio..."(pĝ. 10). (*)*

*"Boletín de la Federación Española de Esperanto", 1981 (243).*
*Gloso:"malgrandaj regnoj, kiuj formiĝis post la disigo de la kaliflando al-Andalus" (pĝ. 11).*
*Rimarko: En "Boletín", 1982 (254), pĝ. 3, kaj "Kajeroj el la Sudo", 1990; 7, pĝ. 22 kaj 23 aperas la formo "tajfo",glosita en "Kajeroj" kiel "ribelteritorio".*

*9. <u>VIZKAĈ/O aŭ VISKAĈ/O.</u> H. <u>vizcacha.</u>*

*a. "Nur miaŭon aŭdis mi de/kato, kiu sin elsavis/kaj rifuĝon tie havis:/de vizkaĉoj tiun rabis" (pĝ. 66).*
*"Martin Fierro"(1965), tradukita de Ernesto Sonnenfeld.*
*Gloso:"granda rodulo, kiu abundas en Suda Ameriko"(pĝ.66).*

*b. "La najbara praarbaro provizis ilin per variaj birdoj kaj ovoj, la viandon de la kapibaroj, viskaĉoj, ruĝaj cervoj kaj aliaj kvarpieduloj" (pĝ. 11-12).*
*"Argentina Novelaro" (1980),tradukita de Enio Hugo Garrote.*
*Gloso:"kreola nomo de la lagostomo: mambesto, rodulo,loĝas en truoj, damaĝas la grenkampojn" (pĝ. 15).*

*<u>10. VAKERI/O.</u> H. <u>vaqueria.</u>*

*"...la ranĉestroj faras ĉion eblan por sendi al la vakerio la plej kompetentajn peonojn,kiuj klopodas ĉiel paradi per sia centaŭra lerto kaj per la plej savan-spertaj ĉevaloj bele garnitaj" (pĝ. 155).*
*"Doña Bárbara" (1975), tradukita de Fernando de Diego.*
*Gloso:"sinsekva rodea batuo, klasifiko kaj brul-stampado de gregoj" (pĝ. 261).*

*Por ke <u>Nepivaj Vortoj</u> estontece fariĝu vere fidinda kaj utila konsultlibro por esperantistoj, estas necese, ke la kapvortoj en la reviziota eldono konformu al la ĉi-supra registrad-maniero. Ne manku jenaj donitaĵoj, kiuj estas tre gravaj: 1. citaĵo, 2. fontindiko, 3. gloso.*

*Bernard GOLDEN.*

*****          *****          *****

<u>N. de la R..-</u> (*) Efektive, tiu ĉi redaktoro difinis la vorton "tajfo" kiel devenantan el la araba "taîfa": ribelanto, ribelteritorio (Kajeroj nº 7/90). La gloso: "malgrandaj regnoj kiuj formiĝis post la disigo de la kaliflando Al-Andalus", estas historie certa aserto kaj konfirmas la signifon araban de la vorto, kiun mi indikis, ĉar tiuj tajfo-regnoj naskiĝis okaze de intercivitana milito post la regado umaja (j. 1031). Absolute neakceptebla la difino:"la plej grava urbo de la regiono", krom se oni intencas diri,ke

la nura teritorio de la tajfo-regno konsistas el urbo. Tamen, tiu ne estas la kazo de Murcio aludita en la artikolo ("Boletin" 243/81) ĉar tiu ĉi tajfo-regno ĉiam estis teritorie granddimensia kaj neniam konsistis el unu sola urbo. La fakto, ke tiu menciita regno estis kelkfoje sub dependo de unu aŭ alia tajfo-regno tute ne ŝanĝas la signifon de la vorto.

A.Marco Botella.

***** ***** *****

# La movado en kaj ekster Iberio

## Kongresos diversaj LEA-oj dum 1991.-

Ĝis nun jam venis al nia Redaktejo la anonco pri jenaj kongresoj de diversaj Laboristaj Asocioj:

En Barlaston SAT en Britio (SATEB) organizas jarkonferencon okazontan de la 12a ĝis la 14a de Aprilo. Adreso de la organizanto: K-ino Ethel PRENT; 29, Farrance Road; Chadwell Heath. ESSEX. RM 6. 6EB. Anglio.

En Amboise (Francio) dum la Pasko-festotagoj okazos la 46a Kongreso de SAT-Amikaro, de la 30a de Marto ĝis la 2a de Aprilo. La programo estas sufiĉe alloga, ne nur sub turisma kaj sporta vidpunktoj sed ankaŭ pri studo kaj laboro. Oni celas pritrakti kiel ĉeftemon "la ekologion de la Loiro-regiono". Interesatoj prefere petu informojn de nia k-do Marc NOULIN; Les Monts, 41360-LUNAY. Francio.

En La Laguna (Kanariaj Insuloj), de la 14a ĝis la 19a de Julio 1991 profitante samajn kongresajn tagojn de HEF, oni okazigos la Generalan Asembleon de Hispana Asocio de Laboristoj Esperantistaj (HALE). La beleco de la insulo kaj la interesa tagordo de la Asembleo, jam vekis la atenton de multaj el niaj kamaradoj, kiuj ĝis nun ankoraŭ ne partoprenis en nia ĉiujara Renkontiĝo.

Fine, ni reanoncu la 64an Kongreson de SAT, okazontan en Bruselo-Ottignies-LLN, de la 27a de Julio ĝis la 2a de Aŭgusto 1991.

Ottignies LLN estas universitata urbeto dudek kilometrojn for de Bruselo, kie la kongresontoj eventuale loĝos ĝuante tre favorajn prezojn kaj specialan etoson por pace laboradi.

# LA MOVADO EN KAJ EKSTER IBERIO

Valencio.- Junulara Iberia Tendaro.

Ni ricevis de la Prezidanto de HEJS kaj de la reprezentanto de "JUNA SUNO", ambaŭ reprezentantoj de Junularaj Asocioj, la anoncon pri la organizado de Junulara Tendaro okazonta en la kampadejo "El Saler" (tre proksima al Valencio) de la 28a de Marto ĝis la 1a de Aprilo 1991. La celo estas kunordigi la esperantistan aktivadon de la junularoj de la diversaj iberiaj regionoj/landoj. Bonvolu sendi viajn aliĝilojn aŭ,petoj de informoj al: "JUNA SUNO"; Gran Via Fernándo el Católico, 45.-3º. E-46008 VALENCIA, aŭ al: Iñaki GAUNA; Domingo Beltran, 42.- 4º D. E-01012 GASTEIZ-VITORIA.

***** ***** *****

Sarajevo.- Oni serĉas Peranton.

"Jugoslavia Stelo", gazeto de Jugoslavia Esperanto Ligo serĉas peranton en Hispanio. Interesatoj bonvolu sin turni al la eldonejo: ELBIH. D.Ozme 7/IV, 71000-SARAJEVO. Jugoslavio.

***** ***** *****

Kastelo Grésillon.-

Ni ricevis de la Kulturdomo de Franclingvaj Esperantistoj,tre interesan programon pri la kulturaj aranĝoj kiujn ili organizas por 1991 en la kastelo Grésillon, de la 27a de Aprilo ĝis la 2a de Septembro 1991. Jen ili:

1.- Praktika formado de Esperanto-instruantoj.

1/b.- Internacia Renkontiĝo de infanoj.

2.- Internacia Amika Renkontiĝo.

3.- Seminario por CSEH-instruado (Seminario A).

4.- Prelegoj kaj Kursoj.

5.- Lernu kaj praktiku (I). La Arto traduki.

6.- Lernu kaj praktiku (II).

7.- Somerfina Lernejo.

Interesatoj bonvolu skribi al jena adreso: Kultura Esperanto-Domo. Kastelo Grésillon. F-49150 BAUGE. Francio.

De malmultaj horoj ni vojaĝis seninterompe, kiam okazis al ni rakontinda aventuro, en kiu mia akompananto Beremís praktikis, kun granda talento, siajn kapablojn de eminenta algebristo.

Ni renkontis, proksime de malnova gastejo duonruina, tri virojn varme diskutantajn apud grupo de kameloj.

Furiozaj, ili kriis riproĉojn kaj deziris plagojn unu al la aliaj:

–Ne povas esti!

–Ĉi tio estas ŝtelo!

–Mi ne akceptas!

## La kalkulanta viro

La inteligenta Beremís klopodis informiĝi pri la temo de la disputo.

–Ni estas fratoj –diris la plej maljuna– kaj ni ricevis, kiel heredaĵon, tiujn 35 kamelojn. Laŭ la esprimata volo de nia patro, mi devas ricevi la duonon, mia frato Hamed Namir la trionon, kaj Harim, la plej juna, naŭonon. Tamen ni ne scias kiel dividi en tiu formo 35 kamelojn kaj, je ĉiu disdivido proponita de iu, la aliaj du protestas, ĉar la duono de 35 estas 17 kaj duono, kaj kiel trovi la trionon kaj naŭonon de 35, se ankaŭ tiuj dividoj estas ne ekzaktaj?

–Tre simple –respondis la kalkulanta viro –. Mi prenos sur min la taskon fari tiun disdividon juste, se vi permesas, ke mi aldonu al la 35 kameloj de la hederaĵo ĉi belan beston, kiu transportis nin ĝis tie ĉi en bona horo.

En tiu momento mi klopodis interveni en la konversacion:

–Mi ne povas konsenti tian frenezaĵon! Kiel ni povus fini nian vojaĝon, se ni perdus nian kamelon?

–Ne zorgu pri la rezulto, bagdadano –replikis mallaŭte Beremís –. Mi bone scias kion mi faras. Donu al mi vian kamelon kaj vi vidos, finfine, al kiu konkludo mi volas veni.

Tia estis la fido kaj aplombo kun kiu li alparolis min, ke mi ne plu dubis kaj transdonis al li mian belan kamelon, kiun li tuj aldonis al la 35 starantaj por distribuo inter la tri heredantoj.

–Jen, amikoj miaj –li diris direktante sian parolon al la tri fratoj –mi faros ekzaktan disdividon de la kameloj, kiuj nun estas 36.

Kaj turninte sin al la plej maljuna el la fratoj, li parolis jene:

–Amiko mia, vi devis ricevi la duonon de 35, tio estas 17 kaj duonon. Tamen vi ricevos la

duonon de 36, tio estas 18. Nenion vi devas postuli, ĉar estas tre klare, ke vi eltiras profiton el ĉi disdivido.

Turnante sin al la dua heredanto, li daŭrigis:

–Vi, Hamed Namir, devis ricevi trionon de 35, tio estas 11 kamelojn kaj onon. Vi ricevos trionon de 36, tio estas 12. Vi ne povos protesti, ĉar estas evidente, ke ankaŭ vi profitas de la ŝanĝo.

Kaj finfine li diris al la plej juna:

–Al vi, juna Harin Namir, kiu laŭ la volo de via patro devis ricevi naŭonon de 35, tio estas 3 kamelojn kaj parton de alia, mi donos naŭonon de 36, tio estas 4, kaj ankaŭ via gajno estos evidenta. Post tio nur restas al vi danki min pro la rezulto.

Poste li plu diris:

–Pro ĉi profita disdivido, favora al vi ĉiuj, la unua ricevos18 kamelojn, 12 la dua kaj 4 la tria, kio rezultigas (18+12+4) 34 kamelojn. Tial el la 36 kameloj kromas du. Unu apartenas, kiel sciate, al mia bagdadana amiko kaj la alian ricevos mi, laŭrajte, ĉar mi solvis kun ĉies kontentigo la malfacilan problemon de la heredaĵo.

–Vi estas inteligenta, fremdulo! –ekkris la plej maljuna el la tri fratoj –. Ni akceptas vian distribuon kun la certeco, ke vi faris ĝin juste kaj senpartie.

La ruza Beremís, la kalkulanta viro, prenis poste en posedon unu el la plej belaj kameloj de la grupo kaj, transdonante al mi je la brido la beston, kiun al mi apartenis, li diris:

–Nun, amiko, vi povos daŭrigi vian vojaĝon sur via obeema kaj firma kamelo. Mi havas nun unu nur por mi.

Kaj ni daŭrigis la etapon de nia vojaĝo al Bagdado.

Aŭtoro: Malba Tahan
Tradukisto: Liven Dek

---

FELIĈAN NOVAN JARON 1991!

HALE kaj "Kajeroj el la Sudo" deziras al ĉiuj LEA-oj, SAT-membroj kaj abonantoj de nia revuo sincerajn bondezirojn okaze de la nova jaro 1991.

PACON KAJ FELIĈAN JARON!!!

***** ***** *****

# Bonvolu ridi... sed ne tro!

En teatro.-

Malbona kantisto kantas: -La pluvo ĉesis; la maro estas trankvila!-
Aŭskultanto elrirante rapide el la teatro: -Ni kaptu la okazon!-

***** ***** *****

Pri avarulo.-



Avara vilaĝano iris en Amerikon. Ce la elŝipiĝo li vidis, ke du skafandris toj emerĝas el la maro marŝante kaj la vilaĝano tre surprizita plendas al la ŝipestro:
-Vi devintus averti min, ke oni povas alveni piede, kaj certe mi ne elspezus monon por la vojaĝo-.

***** *****

Logika respondo.-

Ce amiko iu lavas al si la manojn kaj petas de la dommastro:
-Donu al mi sekigilon-
-Mi ne havas- respondis la mastro,kaj sentro atenti aldonis:
-Nu, do eliru balkonen kaj elmetu viajn manojn al la aero; certe ĝi sekigos ilin-
-Bone, sed pripensu ke morgaŭ mi banos min- (¿?).

***** *****

Neatendita reago.-

Certan tagon pluvegis. Mi pensis, ke iu sinjoro iranta antaŭ mi estis mia amiko Petro, kaj mi, tuŝante lian ŝultron, diris al li ŝerceme: -Redonu al mi mian pluvombrelon!-

La nekonato sin turnis al mi, donis al mi la pluvombrelon kaj diris:
-Pardonu, sinjoro, mi ne sciis, ke ĝi estas la via!-

***** ***** *****

## BONVOLU RIDI...SED NE TRO!

Antaú la juĝisto.-

La ŝtelisto: -Efektive, moŝta sinjoro, mi ne povas nei, ke tiuj dek personoj vidis min ŝteli, sed tio ne estas tiel grava, ĉar mi povas prezenti al vi pli ol dek mil, kiuj ne vidis min fari tion!-

***** ***** *****

Fatala akcidento.-

Kelkaj masonistoj laboris sur skafaldo. Unu el ili falis teren kaj mortis. La aliaj parolis pri tio, kiu el ili vizitos lian edzinon por sciigi al ŝi la fatalan novajon. Kompanobalbutulo sin prezentis por plenumi tian malgajan komision, kaj ĉiuj akceptis lin kiel la homon plej taúgan por tiu tikla tasko.

Li alvenis ĉe la edzino de la mortinta masonisto kaj diris al ŝi: -mi...venas por di...diri al vi, ke la ja...jako de via edzo falis te...teren de la su...supro de la ska... skafaldo-

-Tio ne gravas, amiko, -diris ridetante la vidvino- Se...sed la plej gra...grava estis, ke via ed...edzo sur... surportis ĝin!-

***** ***** *****

Bona respondo.-

Patro demandas sian filon pri liaj ekzamenoj en la lernejo:

-Nu, mia kara, kiel vi sukcesis en via ekzameno?-

Filo: -Mi certas, ke mi donis almenaú unu trafan respondon-

Patro: -Kiu ĝi estas?-

Filo: -Oni demandis min, ĉu mi povas citi ĉiujn ĉefurbojn de la landoj el la Eúropa Komunumo-

Patro: -Kaj kion vi respondis?-

Filo: -Mi respondis: Ne!-

***** *****

Kolektis:
Maria Fernanda.

# RECENZO

"PAROLIGILOJ. EKZERCOJ POR PROGRESINTOJ", de prof. Stanley Nisbet.-20 paĝoj tajpitaj, 15x21 cm., kun du ilustraĵoj.- Eldonejo KARDO, Skotlando.- Aĉetebla laŭ unuopaj ekzempleroj aŭ paketoj kun deko da ekzempleroj.

Jen pedagogia juveleto!. Tiu ĉi broŝuro celas -kaj tre utilas- al akirado de parolfluideco de tiuj, kiuj jam havas konon de la lingvo, tamen lamas ĉe konversacio. Ĝi baziĝas sur 12 ĉefaj kaj 24 malĉefaj parolsituacioj, kun strukturo, kiun ilustras jena ekzemplo el la broŝuro mem: Per 11 linioj da simpla, tamen suka lingvaĵo, ni scias pri situo de la lago Nes, pri asertoj kaj ekzisto de monstro en ĝi, ktp.; tiun enkondukon sekvas 14 frazoj kun adjektivoj, esprimoj, k.s., kiuj konsistigas helpan bazon por la dialogo, eĉ debato, inter du lernantoj pri la vero aŭ malvero de tiaj asertoj, ktp.

Ĉiu konversacio estas aranĝita por du parolantoj (do, la instruisto dividu grupojn al ĉiam diversaj duopoj); ĉiu lernanto disponu ekzempleron de la broŝuro, kaj prefere antaŭstudu hejme la koncernan ekzercon.

Mi varme rekomendas tiun ĉi bonegan -kaj etkostan!- verkon, tiel al memlernantoj, kiel al gvidantoj de superaj aŭ mezaj kursoj, eĉ de elementaj, ĉar mi estas plene certa pri ĝia efikeco. Kaj mi gratulas la aŭtoron kaj la eldoniston, ĉar ili sekvas la vojon de vera pedagogio per uzado de korekta lingvo -eĉ se komence simpla- en vere lingvaj situacioj (parolado, konversacio, debato, diskuto, k.s.), kaj ne per uzado de t.n. "drills" laŭ la angla terminologio de "moderna" pedagogio (termino kiu, ironie, signifas aŭ "trejnado" aŭ "borilo"... por meti doloron kaj enuon en la kapon de la lernantoj).

Antonio Alonso Núnez

# Originala poezio

## G. KAMAĈO, poeto

Hodiaŭ aperas unuafoje en la fenestro de niaj Lirikaj Paĝoj la poezio de unu el la junaj promesoj plej elstaraj el nia Movado, nome Georgo Kamaĉo.

Ne, ne timu, ke mi faros tedan prezenton pri la juna poeto kaj longe emfazos pri la grandaj kvalitoj beletraj kaj pripoeziaj meritoj de tiu ĉi junulo, kvankam li posedas ĉion menciitan. Momente mi nur diras, kaj tio ja multe signifas, ke li prosperis akapari en la BELARTAJ KONKURSOJ UEA-1990 preskaŭ ĉiujn unuajn premiojn, kaj tio ne estas ja bagatelo...Sed ni eniru en tiun poezian ĝardenon, kie floras la belaj versoj de Georgo, kaj plaĉe gustumu la modernan puran poezion de nia juna valoro:



Viajn gestojn, rigardojn, opiniojn,
mian vion silente malkonstrui
kun tristo kaj trankvilo.

ekpaŝi somnambule, elamiĝi
sur bermo inter grizo kaj tenebro
al ia vivo nova.

aero-planojn, iluzio-splitojn
konservi etiole kaj vuale
en fora malmemoro.
konscii, ke mi sentas vin novao
el inta kaj el inda firmamento
tepida kaj nebula.

revigligi avatare,
kaprice joviali,
sentime, sentime,
filandri ĉiun homon, ĉian humon
ĝis vi aperas re.

kaj sin demandi, ĉu
temis nur pri solstico, pri eklipso
aŭ mismiraĝo nuna.

flue blue scintilas via nomo,
tanĝas pensoj-serenon via spiro...
mi ĝoje vin invitas celakanti
en simpatio-maroj,
kies akvon vi nestis anonime.

Georgo KAMAĈO.

Originala poezio

# NOKTIDOJ

La nokto jus prisonĝis nin. Ĉi-nokte
akuŝis nin en glaúka
valhal'. Memoru, kiel
du nuboj kreskis, fulme kazeiĝis
en min kaj vin: la amon.
Ĉu vi timas?

Kaj ni la nokton lip-ĉe-lipe sonĝas.

La nokto nin prisonĝis. Mi torentas,
river' sen maro. Vi senpene kaptas
miaprofunde glitajn fiŝojn. Ene
de la suspiro flava de la luno
mi sentas, ke la nokto nin enrampas,
niajn devenojn lekas.

Ĉu vi tremas?

Kaj astra forto nepre nin kungluas.

La nokto nin prisonĝis. Eklilias
en nia ĥimerejo tago-provo
kun la aromo tenta, ebriiga,
de l' morto. Helpon! Iu nin sukuru,
savu la nokton kontraú vekaj heloj,
detenu la aúroron!

Ĉu vi dormas?

Lumsparko solvas dis la nokto-sonĝon.

Miguel Fernández Martín.

***** *****

# El aktuala liriko:

## T U J A .-

Tuja:

aúguro aú suspekto aú percepto,
supozo aú sensado, profetaĵo
pri am' aú sindetruo aú stertoro
plej plaĉa, ho eterna tempo-grajno
tiel korskurĝa kiel morto! Vivo
la pleje viva:vi, sentata tuja.

Tuja.

Aúguri l' friskon viaombran tuja,
suspekti vian oran venon tuja,
percepti haúte turto-flugon tuja,
supozi la ekstazon seksan tuja,
sensi la stagnon de la horoj tuja,
profeti l' regnon de l' rukuloj tuja.

Tuja

vi, senco kaj kribril' de mia memo,
grajlo matena, alo miaŝultra
etendiĝanta dis ĉe l' vorto amo,
perfekta blovo, kiu min sorigas
al splenda regiono tulo-fajna,
ke renaskiĝu mi en viaj brakoj.

Tuja:

ekbrilo, stel', novao en la manoj,
kiu blindigas la inkubojn fruntajn.

Tuja.

Mi diras "tuja", kaj subite ŝprucas
el miaj lipoj svarmo da kolomboj.

Tuja
futuro ĝoje sismas en l' animo,
dum mi divenas vian korpon tuja.

M. Fernández

# Lirikaj paĝoj



## KIEL

Kiel misdrivaj mil kristoforoj
mil-ameriken, maron kaj sablon
trae, fuĝe afrikan lulilon
al lun', el edeno gehenon

kiel delfenoj maren replonĝis,
kiel vespertoj subite anĝelaj,
dum simi' dearbiĝis homvojen
invite solecan tenion

tiel umas mi
tial nunas mi
ĉi-lontane

kiel betulo froste senvesta
diste de sun', samkiel nopalo
klimatan rigoron defia
forgese pri la paradizo

kiel vi, miriadoj da ĉeloj
vigle, zigzage, varme ien svarmaj
plenumonte la celon obstine,
konsume de l' kvar elementoj

tiel umas mi
tial nunas mi
ie ajn

kiel vi, universo pulsanta
foren de si kaj sturme vakuon,
laŭ ordono praĉiam direkta
ambaŭ kosmojn, inertan kaj vivan

tiel, tial
ĉi tiam

Georgo KAMAĈO.

## LUPERCIO LEONARDO DE ARGENSOLA.-

Hispana poeto (1559-1613), unu el la plej elstaraj el sia epoko. Fervora amanto de la klasikismo, lia poezio karakteriziĝas per la perfekta uzado de la lingvo kaj tutskrupula pura stilo. Li studis en la Universitato de Zaragozo kaj Huesca, kaj kun lia frato Bartolomé, ankaŭ elstara poeto, ambaŭ reagis kontraŭ la kultismo reganta dum ilia epoko. Jen unu el la poemoj de Lupercio majstre tradukita al Esperanto de nia pioniro, la alikantano Vicente Inglada:

### SONETO.-

Terura figuraĵo de la morto,
Ne plu ŝancelu min, ho sonĝ' kruela!
Per fortranĉ' de premligo la ĉiela,
Konsolo nur por mia vea sorto.

Elserĉu pri tirana ŝirma korto,
Pri jaspa mur' aŭ pri plafon' juvela,
Avarulon dum dorm' en lito ĉela
Ekveku ŝvitotreme via forto.

Vidu tiran' tumulton de popolo,
Dum ĝi disbatas liajn pordojn ferajn,
Murdiston kun ponard' al lia kolo.

Kaj avarul' siajn riĉaĵojn terajn
Forrabi kun insult' aŭ sen parolo
Sed ne prenu de l' Am' la ĝuojn verajn.

Lupercio Leonardo de Argensola tradukis plurajn odojn de Horacio kaj publikigis tri dramajn verkojn: "Filis", "Isabela" kaj "Aleksandra".

La tradukinto de la poemo, V.Inglada Ors, estis unu el la figuroj plej eminentaj el nia Movado: li tradukis al Esperanto preskaŭ ĉiujn teatroverkojn de la Nobelpremiito Jacinto Benavente, kaj publikigis originale en la internacia lingvo du verkojn. Inglada apartenis al la Akademio pri Sciencoj de Madrido, Kordovo kaj Barcelono kaj estis membro de la Akademio de Esperanto.

A.M.B.

